**REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND**
*21a jarkolekto n-ro 6 novembro-decembro 2016*

# Fenikso

Esperanto Nederland

2. Septembro 2016

**Invito al transdono de la 15-a Esperanto-Kulturpremio de Aalen**

Tre estimataj gesinjoroj,

la FAME-Fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj kaj la urbo Aalen transdonos la 15-an Esperanto-Kulturpremion de Aalen

**dimanĉe, 16. Oktobro 2016**
**je la 11-a en la urbodomo Aalen,**
**Marktplatz 30, 73430 Aalen**

Al tiu ĉi Esperanto-matineo ni korege invitas Vin kaj viajn geamikojn.

La honorigon ricevos d-ino Katalin Kováts, pro sia fondo kaj prizorgado de la fama retejo www.edukado.net por instruistoj, kursgvidantoj kaj memlernantoj.
Post la festa transdono Vi havos la eblecon renkonti la aliajn gastojn en la galerio de nia urbodomo.

Por plifaciligi niajn preparojn, ni petas resendi la aldonan respondkarton aŭ retleteron rekte al kulturamt@aalen.de antaŭ la 27. Septembro 2016.

Antaŭĝojante pri Via vizito, ni restas kun kora saluto
el Via Esperanto-urbo Aalen

Viaj

Thilo Rentschler
Ĉefurbestro
de la urbo Aalen

Andreas Emmerich
Prezidanto de la
FAME-fondaĵo

Stadt Aalen
Marktplatz 30
73430 Aalen
Telefon 07361 52 1112
kulturamt@aalen.de
www.aalen.de

Grandioza novaĵo: Katalin Kováts ricevis la 15an Esperanto-Kulturpremion de Aalen.
Ni kore gratulas ŝin pro tiu prava rekono!
GB

# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EŬR 17,50.
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Sekretario:* PROVIZORE Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: s-ino Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan den IJssel l.a.demmendaal@planet.nl <kasisto@esperanto-nederland.nl

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Capelle aan den IJssel; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*: <studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen


## ENHAVO



## ALVOKO

**Bv sendi estonte viajn bildojn, fotojn k.s. al la redaktoro! Via revuo bezonas vian subtenon!**

**GB**

## DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de decembro 2016. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ĈE LA FRONTPAĜO

Grandioza novaĵo: Katalin Kováts ricevis la 15an Esperanto-Kulturpremion de Aalen. Ni prave fieras pri ŝi en nia mezo!
GB

## DE VIA REDAKTORO

Kiel vi konstatos, por la nuna numero la Estraro sendis tiom kaj tiel ampleksajn tekstojn, ke por iom limigi la volumon de nia numero, ĉi-foje plurajn rubrikojn ni ne enmetis. Do vi bonvole estu iom paciencaj ĝis posta ebleco aperigi la rubrikojn *Revuoj ricevitaj, Esperanto publike* kaj *Recenzo*.
Kelkajn kontribuaĵojn por nia rubriko *Raportaĵoj* bedaŭrinde mi estis devigita iom koncizigi por ke ili almenaŭ enhave povu eniri la nunan numeron: mi pardonpetas al la aŭtoroj.
Samtempe mi kaptas la okazon denove substreki, ke volonte por ornami nian revuon ni ricevos viajn fotojn kaj aliajn ilustraĵojn.

Gerrit Berveling



## DE LA ESTRARO

**1] Alvoko al la Esperantaj (fak) grupoj kaj kluboj, amikoj kaj kunlaborantoj de Esperanto Nederland**

Ni petas vin sendi viajn agadraportojn kiel eble plej frue.

Ju pli abunda via raporto, des pli instiga por niaj junaj interesiĝintaj lernantoj kies nombro verŝajne pliiĝas. Dum pasintaj monatoj ni ricevis esperigajn korespondaĵojn de gejunuloj.

Ni ankaŭ petas partoprenintojn en diversaj esperantaj aranĝoj sendi siajn viditaĵojn, konsideraĵojn kaj opiniojn, pli bonvene kun fotoj, rekte al Gerrit Berveling la redaktoro de Fenikso: redakcio@esperanto-nederland.nl aŭ al Said: snmozaffari@yahoo.com.

2] **La nova estraro** de Esperanto Nederland (Loes Demmendaal, Pieter Engwirda, Rob Moerbeek, Said Baluĉi, Andries Hovinga, elektita en 28/05/2016 por unu ĝis tri jaroj) okazigis sian unuan estrarkunsidon sabate la 27an de aŭguston en Kargadoor, Utreĥto. Ĉeestis ĉiuj krom unu, kiu antaŭe informis.

La kunsido, kvankam la unua por la nova estraro, efektive estis la 156a estrarkunsido de Esperanto Nederland. Eĉ al la nove elektitaj anoj ĝi estis jam kutima, ĉar kiel antaŭaj anoj aŭ kiel staĝuloj ili konis sufiĉe la aferon por daŭrigi plenumi siajn taskojn.

La rapide flugantajn vortojn, iam esperantajn, tiam nederlandajn, iam jesajn, tiam neajn, lerte ĉasis kaj enkomputiligis, kiel oficialan provizoran protokolon de la kunsido, Madzy v.d. Kooij.

Ŝi daŭrigos sian kunlaboron ĝis la fino de la jarkunveno 2018. Bedaŭrinde **post la jarkunveno 2018 ŝi volas ĉesigi sian taskon kiel protokolistino**. Do, se iu pretas protokoli tiu povas proponi sin al la estraro ĉe la adreso de la sekretario: sekretario@esperanto-nederland.nl

**La estraro raportas pri la enhavo de la 156a estrarkunsido**

Pieter Engwirda, **la sekretario**, malfermis la kunsidon. Post la fikso de la tagordo kaj dum la trarigardo al la malneta tagordo, kiun jam preparis Pieter Engwirda mem, oni ricevis novajn temojn, kiuj bezonis priparolojn kaj decidojn. Estis necese priparoli pri la dividoj de la taskoj, ĉefe inter novaj estraranoj. Iuj malnovaj taskoj restis samaj. Ekzemple la preparado de la kunsidoj, kores-



pondado kaj samaj aferoj restis sur la ŝultroj de nia sekretario, Pieter.

**La financajn aferojn** faros nia nove elektita estrarano kaj kasistino Loes Demmendaal.

Estas evidente ke tio estas kaj restos unu el la plej temporabaj laboroj. Ĉefe temas pri membroj, kiuj jam de kelkaj jaroj ne pagis siajn kotizojn. Decidi pri tiaj membroj ne estas facila afero. Tial ni intencas trovi solvon surbaze de la opinioj, sugestoj kaj rekomendoj de la membroj de Esperanto Nederland. Loes ankaŭ respondecos pri la rilatoj kun UEA, tasko, pri kiu ŝi havas sufiĉe da spertoj.

Loes akceptis zorgi rilatojn kun KUNE (Kristana Unuiĝo de Nederlandaj Esperantistoj). Loes raportis pri la komitatkunsidoj de Nitra. Grava temo estis la jura memstareco de TEJO. Por tio necesas la statutŝanĝo de UEA. Statuton oni povas ŝanĝi nur post ĝenerala voĉdonado. La nova statuto kun la koncernaj amendoj plus la voĉdonilo jam estas senditaj de UEA al ĉiuj individuaj membroj. Membroj, kiuj ne estas individuaj membroj de UEA, ricevos voĉdonilon pere de Esperanto Nederland. Ni invitas vin aktive partopreni la aferon. Estis bedaŭrindaĵo, ke neniu faris oficialan saluton dum la UK en Nitra en la nomo de nia lando. La estraro pritraktis la temon por eviti similan aferon en venonta(j) kongreso(j).

Rilatojn kun la junulaj organizoj kaj ankaŭ la retejojn prizorgas Andries Hovinga. Li jam delonge helpas nin pri tiaj aferoj.

**Rilatojn kun EEU** (Eŭropa Esperanto-Unio) prizorgas Ineke Emmelkamp. La estraro esperas ke ŝi daŭrigos tion. Ŝi ankaŭ faras multajn aliajn aferojn, malgraŭ sia eksiĝo el la estraro, interalie prizorgon pri la informa ret-poŝto de Esperanto Nederland. Ŝiaj afablaj ĉiutagaj rekomendoj kaj konsiloj estas tre bonvenaj.

**Studsemajnfino** en Schoonloo, 2 – 4 septembro 2016.
Dum la unua semajnfino en septembro okazis studsemajnfino, organizita de Esperanto Nederland. La teamo Ineke Emmelkamp, Arjen-Sjoerd kaj Lilian faris la preparojn de tiu aranĝo. Dum la semajnfino okazis kvar diversnivelaj grupoj. En marto 2017 oni planas novan eblecon por lerni Esperanton! Pliajn detalojn, ankaŭ la inviton al la venonta studsemajnfino, vi legos aparte.
**La prezidanto** de nia asocio, Rob Moerbeek, montris listegon da taskoj. Tamen dum la paso de la tempo, jam ŝanĝiĝis la aferoj. Kelkaj aferoj ne plu estas aktualaj, kelkaj estas farataj de aliaj, venas novaj taskoj... Do, la estraro klopodos resti relative fleksiĝema eĉ helpema rilate al ĉiuj taskoj kiuj trafos al Esperanto Nederland. Multajn tiajn aferojn, kiel teni la rilaton kun la amikoj de Esperanto Nederland, helpi aliajn esperantistajn aŭ samcelajn asociojn kaj grupojn, zorgi pri lingvaj anguloj en diversaj revuoj kaj korekti iliajn tekstojn, voĉlegi la skribajn tekstojn por blindulaj esperantistoj,

aferoj pri edukado kaj rilatoj kun NGGE (Nederlanda Grupo de Geinstruistoj Esperantistaj), NVVN (Nederlandse Vereniging voor de Verenigde Naties / Nederlanda Asocio por la Unuiĝintaj Nacioj), ktp, ktp, faras jam de longe Rob mem, foje helpate de aliaj estraranoj aŭ membroj de Esperanto Nederland. (Nur unu ekzemplo: Pri la nova vortaro de Petro De Smedt kompetente asistas Ronald Nobel). Por la nova estraro, kiel por la antaŭaj estraroj, tre gravas havi **regulan kontakton kun la membro**j de Esperanto Nederland kaj la legantoj de Fenikso. Tial ĝi decidis komenci de si mem! Unue informi la membrojn laŭtempe pri siaj agadoj, diskutoj, debatoj kaj decidoj tra Fenikso kaj retaj rimedoj kaj poste peti la opiniojn, sugestojn aŭ kritikojn de la membroj. Komuna pensado alportos komunan decidon kaj komunan eraron facile pardonas ĉiu! Do, surbaze de periodaj protokoloj, Said Baluĉi ade informos vin pri tio, kion la estraro faris, faras, faros aŭ eĉ ne faras (sed devus fari)! Loes kaj Gerrit jam multe helpis lin kaj espereble estontece ankaŭ helpos lin por trovi la plej konvenan enhavan kaj stilistikan formon. Said ankaŭ helpos informi eksterlandajn demandantojn aŭ informpetantojn rilate al Esperanto Nederland.

**Pri la katedro** de prof. d-ro Federico Gobbo ĉe la universitato de Amsterdamo, kiun konsiderinde subvencias Esperanto Nederland, la estraro pretas respondi al demandoj. Tamen principe tio estas la respondeco de UEA. Intertempe aperis la plej nova raporto de la katedrulo, pri kiu vi legos en tiu ĉi numero.

**Andries Hovinga** zorgas pri la **informado en virtuala mondo**: Andries, helpate de amikoj de Esperanto Nederland, Joost Franssen kaj aliaj, jam de antaŭ sia estraraniĝo prizorgas je tiu moderna afero.

La estraro sincere dankas Remment Balk, kiu prizorgas la **administradon de la membroj** kaj akurate registras ĉiujn ŝanĝojn en la membrarsituacio.

La estraro rekonsideris la protokolon de la estrarkunsido de 23 aprilo kaj ankaŭ la protokolon de la jarkunveno de 28 majo 2016. La unua estas akceptita kaj pri la dua ankoraŭ daŭras la konsiderado de kelkaj atingitaj opinioj kaj sugestoj, kiujn nia sekretario volas kombini kaj kiel eble plej baldaŭ komuniki al vi.

### Ĝenerala financa situacio de Esperanto Nederland

La kasistino sendas leterojn, iu alia estrarano telefonas persone por afable demandi pri la kialoj kaj kunserĉi rimedojn, por ke la kotizoj estu pagataj; la estraro priparolas la aferon... tamen, ja, ni havas membrojn, kiuj de unu ĝis kvar jaroj ne pagis sian kotizon. Kion fari? Ĉu ni ĉiujare raportu al vi, ke ni havas tiom da membroj, sed verdire konsiderinda kvanto da ili ne pagas?

Vigla asocio bezonas viglajn reagojn, viglajn kontribuojn, viglajn sugestojn kaj kritikojn, komprenēble ankaŭ viglajn subtenojn, inter kiuj la **pagado de la kotizo**j estas la plej signifohava.

La estraro petas vin ĉiujn pri tiuj helpoj. Sed ni speciale petas tiujn membrojn, kiuj ne jam pagis siajn kotizojn, bonvolu pagi! Ni ankaŭ petas viajn opiniojn pri eksigo de tiuj membroj, kiuj jam de 4 aŭ 3 aŭ 2 pasintaj jaroj absolute pagis neniom. Eble ni traktos la aferon en la jarkunveno. Tamen la ĝenerala financa situacio devigas nin kiel eble plej redukti la elspezojn.

La **kotizoj** por la jaro 2017 estos: Jara membreco en Esperanto Nederland plus Fenikso € 30 (la samdomanoj; € 10). Fenikso por membroj de NEJ; € 15 (ties samdomanoj; € 5) Fenikso por ne-membroj en eksterlando; €17.50
**Fenikso**

Papera aŭ reta revuo, aŭ ambaŭ? Jam de longe, ne nur pri Fenikso, aŭdiĝas flustroj, foje laŭtaj voĉoj, kiel dum la pasinta jarkunveno, pri la kielapero de la organoj de asocioj, interalie pri nia kunliga organo, nia kara Fenikso, por kies preparo multaj homoj, ĉefe la redaktoro Gerrit Berveling, multe laboras. Iuj diras ke ili ĉiam forĵetis la paperon, iuj diras ke ili preskaŭ ne uzas la modernajn aparatojn, aliaj staras meze. Por findecidi, ni aperigis apartan enketilon en Fenikso. La statistikiloj jam estas preparitaj de Said. Ni petas vin partopreni la diskuton kaj helpi nin findecidi. Unue ni bezonas sciiĝi, kiom da membroj kie staras. Poste la estraro kune kun la redaktoro pritaksos la kostojn. Viaj argumentoj kaj proponoj, des pli se diversaj, estas elkore bonvenaj.

### Venontaj estrarkunsidoj

Konsiderante la vojaĝkostojn kaj lu-koston de la kunvenĉambro, la estraro serioze pensas pri modernstilaj aŭdovidaj virtualaj kunvenoj. Tamen ĝi bezonas interalie aparatojn, uzlertojn, ktp. Do, almenaŭ tre baldaŭ ne eblos. La venonta estrarkunsido okazos 12/11/2016.

### Jarkunveno

La jarkunveno de 2017 okazos la 13an de majo en Kargadoor: Oudegracht 36, 3511 AP Utrecht . 030 - 231 0377. Pliajn detalojn ni publikigos en la venonta numero de Fenikso.

### 3] Demando pri reta versio de *Fenikso*

Ni petas vin komuniki vian opinion jene:

1- retpoŝte: snmozaffari@yahoo.com
2- telefone aŭ mesaĝtekste (whatsApp ankaŭ) al Said Baluĉi :
06 84 31 63 94
3- perletere al: Said Baluĉi: Steinstraat 55, 8172 CH Vaassen

La plej konvena formo por rapida statistikigo estas respondi al jenaj demandoj:

1- Ĉu vi konsentas ke Fenikso aperu rete/nepapere? Ne □ bonvolu klarigi: ...
2- Jes, por ĉiuj □
3- Jes, sed nur por dezirantoj □
4- Se aperus nepapera/reta/elektronika = bita versio, mi rezignus ricevi la paperan version Jes □ Ne □
5- Mi ne scias/ ne havas ideon/ sindetenas □ Bonvole klarigu ...
**Kompreneble por ajna decido la estraro kaj la redakcio de *Fenikso* pritaksos la kostoŝanĝon.**

**Antaŭdankon pro via kunlaboro,
La Estraro**

### 4] La Amsterdama Katedro

**Profesoro Federico Gobbo** aperigis sian **raporton pri la amsterdama katedro** 3/2016, sep, n-ro 32, en la PDFa formo. Sur la unua paĝo ni legas:

**Esplorado kaj plua videbligo**

Ĉi tiu numero kovras la periodon **ekde Majo2016 ĝis Aŭgusto 2016**. Temas pri tempo sen devigaj edukaj engaĝoj, do la plejmulto de la tempo estis dediĉita al esplorado kaj al videbligo de la katedro. Pozitivan reagon ricevis la apero de la Festlibro honore al Renato Corsetti, jam prezentita en la antaŭa numero. Sed multo alia same okazis. Ŝajnas, ke la intereso por esperanto inter nederlandaj lernejanoj estas sufiĉe rimarkinda, kaj ankaŭ ĉe vidartistoj en Amsterdamo. Krom tio, novaj retoj de esploristoj pri nekutimaj lingvoj – ĉefe minoritataj sed ne nur – formiĝas kaj la katedrulo nun partas en kelkaj el ili...

Titolo de aliaj fragmentoj kaj figuroj:

- Du Esperanto-kongresoj
- Novaj esploraj kunlaboroj
- Esperanto, lernejanoj, artistoj kaj tiel plu
- Esperanto ludas ĉefrolon en mallonga filmo ekspoziciata en Amsterdamo
- Eltiro de la programo de la konferenco en Nitro
- Parto de la letero pri partopreno en la JUL-fakĵurnalon (adresita al la katedrulo)

**La kompleta raporto estas trovebla ĉe:**

http://esperanto-nederland.nl/ned/leerstoel/La-Amsterdama-Katedro-nro-32-2016-3.pdf

**Aldona informo**

Pri la ekzamenitoj, ĝis nun, ekde kiam katedrulas Federico:

En la jaro 2014-2015 trapasis la ekzamenon de Esperanto 8 gestudentoj.
En la jaro 2015-2016 trapasis la ekzamenon de Esperanto 15 gestudentoj.

En la jaro 2013-2014 trapasis la ekzamenon de Interlingvistiko 4 gestudentoj.
En la jaro 2014-2015 trapasis la ekzamenon de Interlingvistiko 13 gestudentoj.
En la jaro 2015-2016 trapasis la ekzamenon de Interlingvistiko 32 gestudentoj.

### 5] La dua LUMINESK okazos en Kleve (Niederrhein) inter la 28.12.2016 kaj la 04.01.2017!

LUMINESK estas la **nova silvestra renkontiĝo de GEA (Germana Esperanto-Asocio)** por junaj plenkreskuloj kaj ankoraŭ enkore junaj plenkreskuloj. Eblas aliĝi ankaŭ post la oktobro. Por pliaj informoj vidu: http://luminesk.eo.tel

### 6] Nitra, la urbo de la 101a Universala Kongreso.

Kiam mi alflugis al Vieno, atendis min LKK-helpanto por atingi la aŭtobuseton al Nitra. La urbeto Nitra estas bela malgranda provinca urbeto. La suno plej ofte brilis, sed foje ankaŭ fulmotondris tiel forte, ke pluraj kongresanoj plene malseke atingis la bankedon kaj balon.

**Kiel komitatano A, reprezante Esperanto Nederland mi ĉeestis** 3 komitatkunsidojn kaj 4 komitatajn forumojn (pri konsciigo, kapabligo, komunumo kaj kunordigo). Aparte viglaj estis la diskutoj pri la antaŭvidita statutŝanĝo de UEA. Por ŝangi la statuton de UEA, ĉiuj membroj, kaj individuaj kaj aligitaj, rajtas voĉdoni pri tio. Tio okazas per skriba ĝenerala voĉdono. La estraro de UEA decidis, ke unuavice la voĉdono okazu pri juraj kaj administraj ŝanĝoj. La plej gravaj eroj en tio estas la jura memstareco de Tejo kaj la ebleco havi retan ĝeneralan voĉdonon. (Vidu la apartan artikolon pri tio.) Pri aliaj ŝanĝoj la komitato de UEA ankoraŭ ne findiskutis. Sekve la proponoj pri tiuj ŝanĝoj venos pli poste.

Dum la sabata komitatkunsido okazis la elekto de nova UEA estraro por la periodo 2016-2019. Mark Fettes reelektiĝis kiel prezidanto, same Martin Schäffer (sekretario), Stefan MacGill (vicprezidanto) kaj Lee Young Kee ; novaj estararanoj estas Sara Spano kaj Emilio Cid.

En la forumo pri Konsciigo oni vaste parolis pri la neceso plibonigi la retejan prezentadon de UEA kaj Esperanto i.a. per evoluigo de Esperanto.net kaj UEA.org por ke ili estu pli allogaj, uzeblaj kaj interaktivaj. Oni ankaŭ priparolis la pretigon de unustilaj informiloj por traduko en multaj lingvoj, la kreon de datumbazo kun diverspecaj inform- kaj varbmaterialoj.

La forumo pri kapabligo priparolis la neceson trovi novajn kaj efikajn manierojn varbi retajn lernantojn de Esperanto por partopreno en la organizita movado, kunlabori kun ILEI por plivastigi la bazon de trejnitaj instruistoj kaj ekzamenantoj, kursoj, seminarioj ktp., pluevoluigi la Seminariojn por Aktivula Maturigo. Dum tiu kunveno oni aparte rekomendis krei kadrojn por pli bona subteno kaj kunordigo de universitata laboro pri Esperanto kaj interlingvistiko.

En la forumo pri komunumo oni refoje parolis pri la neceso evoluigi la retajn servojn de UEA, sed ankaŭ pri eldonado de elektronikaj libroj kaj aliaj produktoj por komputiloj, poŝtelefonoj k.s.

La kunsido pri kunordigo rekomendis fortigi la oficejojn, plivastigi la financan bazon kaj enkonduki novajn organizajn metodojn por faciligi la kunlaboron de la aktivuloj.

Pro tempomanko la rekomendoj de la komitataj forumoj ne povis esti traktitaj en komitatkunsido. Same ne plu estis tempo decidi pri la buĝeto por 2017 kaj la baza kotizo por 2017. Tio nun devos esti farita rete.

Venontjare la UK estos en Seulo, Koreio, sed en 2018 ĝi denove okazos en Eŭropo, nome en Lisbono.

**Raportis Loes Demmendaal, Komitatato A por Nederlando**

7] **Esperanto Nederland: protokolo** pri la 25a jubilea ĝenerala kunveno de Esperanto Nederland, okazinta la 28an de majo 2016 de 10.00 h ĝis 13.00 h en Kargadoor, Oude Gracht 36, 3511 AP Utrecht.

**01. Malfermo de la ĝenerala kunveno je 10.30 h. farita de Hiddo Velsink**

Rememoro de la forpasintaj membroj : S-ino A.Noordewier, S-ro R.J. Hoogendoorn, S-ro J.Calado, S-ino F.J.Pieterson-Kruger, S-ino T.G.Kolkmeijer, S-ro S.Marcks.

Ĉe la akceptejo estas diversaj libroj de forpasintaj membroj. La ne-prenitaj libroj iros al IEI en Hago por vendi/donaci al Esperantistoj en malriĉaj landoj.

Mallonga rerigardo al la 25 ĝeneralaj kunvenoj ekde 1994 fare de Rob Moerbeek. Hiddo Velsink demandas al Rob, ĉu li volas surpaperigi sian rakonton; Rob konsentas.

**02. Fikso de la tagordo kaj envenintaĵoj.**

Anoncoi de neĉeesto: Anneke Schouten, Madzy van der Kooij, Jen Verheijen, Tiny Droge, Peter Parren, Alphons Pijnacker, Wim Baris, s-ino Richardson, Marije van Erp, kaj pro malsaneco: Ans Bakker, Ati van Zeist, Els van Dijk.

Hiddo Velsink diras, ke Bert de Wit kaj Saskia Veen estas la novaj estraranoj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI). IEI bone agis numuminte ĉi tiujn du personojn en la estraro de IEI. Ni gratulas al IEI. IEI faras multajn aferojn, ekzemple du tagojn por personoj, kiuj lernas Esperanton pere de Duolingo. Estas grave por Esperanto Nederland kunlabori kun IEI. Bert estas membro de Esperanto Nederland kaj ankaŭ tial nun estas pli facile bone kunlabori kun IEI. Bert de Wit kaj Ralph Schmeits voluntulas por nombri la voĉojn, kiam estos skriba voĉdonado. La tagordo estas akceptita.

**03. Protokolo pri la 24-a ĝenerala kunveno en 2015.**

Neniu havas rimarkon. Akceptita, kun danko al la protokolistino Madzy van der Kooij.

**04. Agadraporto pri 2015.**

1.1. *Banko/kapitalo.* Ralph Schmeits diras, ke la malprofito estas € 4.000,00 (la katedro) pli ol € 10.935,87 do € 14.935,87.

3.1. *Kaskontrolo*. Bert de Wit korektas la tekston. La kaskontrolon en 2015 pri 2014 plenumis Bert de Wit kaj Gerrit Berveling. Laŭ la elekto dum la membrokunveno Loes Demmendaal, Bert de Wit kaj Gerrit Berveling estas en la kaskontrolkomisiono pri 2015.Oni akceptas la agadraporton kun la korektoj kaj dankas la kompilinton.

**05. Financaj raportoj pri 2015.**

5.1. *Raporto de la kaskontrol-komisiono*. Loes Demmendaal kaj Bert de Wit kontrolis kaj konstatis, ke ĉio estas en bona ordo. Ili atentigas la estraron observi la elspezojn. La membroj malŝarĝas la kasiston aplaŭde.

5.2. *Rezultkonto pri 2015.* Ralph Schmeits unue traktas la elspezojn. Esperanto Nederland havas 250 membrojn, el kiuj 180 pagis. Pieter Engwirda telefonis multajn membrojn, kiuj poste pagis. Ni ricevis grandan anoniman donacon. En 2015 ni daŭre havas “Amikoj de Esperanto Nederland”. La rentumo malkreskas. Pri la elspezoj Ralph dias, ke en 2015 ne alvenis fakturo de la katedro. Dum la **revizorado** (ne dum la jarkunveno) ni interkonsentis kun Wald kaj Ralph, ke ili enmetos 4.000 eŭrojn kiel ankoraŭ pagendajn por la katedro. Tial la financa raporto estis ŝanĝita. Do la deficito de € 10.934,87 kreskas pere de € 4.000,00 al € 14.935,87. La cerbumadotago de 2015-10-10 estas parto de la estrarkostoj.

*5.3. Bilanco je 31-12-2015.* En la definitiva bilanco la stoko-instruaservo estas ne plu € 1,00 sed € 0,00 kaj la deficito ne estas € 10.934,87 sed € 14.935,87.

**06. Proponoj.**

*6.1. Propono de la estraro*: fikso de la kotizoj por 2017. La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn. Oni voĉdonas: 15 por, 5 kontraŭ kaj 0 sindetenoj. La propono estas akceptita.

*6.2. Buĝeto kaj Laborplano 2016.*

Prognozo por 2017: Ralph Schmeits proponas presi Fenikson ne ĉe FEL sed en alia loko. Gerrit Berveling demandas pri la praktiko. Laŭ li oni devus demandi ĉu FEL volas daŭrigi la eldonadon de la revuo kaj sendi PDF-dokumenton al Esperanto Nederland Oni povus ŝpari po € 200,00 do € 1200,00 jare. Katalin Kováts proponas elekteblecon ricevi paperan aŭ retan revuon. Loes Demmendaal diras, ke la nova estraro pritraktos la temon *Fenikso*. Estas € 5.000,00 por 2016 eble por 2017 malpli.

Bert de Wit opinias, ke la € 1000,00 por la arkivo (IISG) estas granda

| Estrarpropono | Jes | Ne | Sindeteno | Ne valida | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|
| ***Loes Demmendaal, kiu kandidatis kiel kasisto por tri jaroj*** | 27 | 0 | 1 | 0 | 28 |
| ***Rob Moerbeek kiu kandidatas kiel prezidanto dum unu jaro*** | 21 | 3 | 3 | 1 | 28 |
| ***Pieter Engwirda demisias kaj estas reelektebla por tri jaroj*** | 22 | 3 | 1 | 2 | 28 |
| ***Pieter Engwirda kanidatas kiel sekretario dum unu jaro (nur se li estas reelektita por nova periodo*** | 22 | 3 | 5 | 0 | 28 |
| ***Said Baluchi (estrarmembro por tri jaroj)*** | 28 | 3 | 0 | 0 | 28 |
| ***Andries Hovinga (strarmembro por tri jaroj)*** | 28 | 3 | 0 | 0 | 28 |





**Nikolai KURZENS** (1910-1959) estis latva esperantisto kaj verkisto. Profesie li estis ŝtatoficisto. Redaktoro de 'Ondo de Daŭgava' (1934), kunlaborinto de 'Literatura mondo' kaj 'Norda literaturo'. Li ankaŭ kontribuis al la esperantlingva poem-antologio 'Dekdu poetoj' (1934).

**NECESAS**

1 Necesas io granda, io tia,
ke ni ne devu pro la vivo honti,
ke ni fiere povu poste montri:
ne estis tamen vana vojo nia.

5 En ĉarma bel', en varmo idilia
la Grandon vane volus ni renkonti;
necesas alte super tio monti ---
en venta fajf', en malkvieto kria.

9 Necesas ĵeti nin al fajr' infera,
por esti io pli, ol vermo tera,
rampanta al la fin' kun laca treno.

12 Necesas plor' de malespero muta,
necesas hor' ekstaze fajrosputa,
kaj paradiz' necesas kaj geheno !

*NODIG IS*

*1 Nodig is iets groots, iets zodanig,*
*dat we ons niet moeten om het leven schamen,*
*dat we later fier mogen tonen:*
*toch was hij niet vergeefs, de reis van ons.*

*5 In bekoorlijke schoonheid, in idyllische warmte*
*zouden we graag het Grote ontmoeten - vergeefs:*
*nodig is hoog boven dat uit te steken ---*
*in windgefluit, in bulderende onrust.*

*9 Nodig is ons te werpen in hels vuur*
*om iets méér te zijn dan een aardse worm*
*kruipend naar het einde, met uitgeput gesleep.*

*12 Nodig is te wenen van sprakeloze wanhoop,*
*Nodig is het uur dat extatisch vuur uitbraakt,*
*en een paradijs is nodig en Gehenna !*

---

**PRI LA POEMO**

__La titolo.__ **Necesas**

Jen titolo iom impresa°. *indrukwekkend*
Tuj la leganto sin demandas pri kio temas.
Tuj li nekonscie sentas en tiu vorto …
neceson°, mankon, devigon°, devon°. *noodzakelijkheid; verplichting; plicht*

__Versoj 1-2.__ **Necesas io granda, io tia,**
**ke ni ne devu pro la vivo honti,**

Ĉu temus pri io gravega°? *zeer ernstig, belangrijk*
Sendube°! Ĉiakaze grava por la parolanto. *ongetwijfeld*
Kia povus esti tiu 'io granda'?
Verŝajne io ege bela, ege impona°. *indruk makend*
Kia estus do la vivo sen tiu 'io'?
Ĝi estus verŝajne ege banala, eĉ eble netolereble° banala. *onverdraaglijk*
Ĉu ne povus ekzisti io granda, pri kio oni devus honti?
Milito°, krimo°, perfido°. *oorlog; misdaad; verraad*
sed tiaj aferoj ne devas esti necese grandaj por esti kaŭzo de honto. La grandeco ne estas garantio por kvalito.
Kiu ideo esprimiĝas en tiuj unuaj versoj?
Eble ke normala vivo ne estas sufiĉe bona.

En kia psika stato estas iu, kiu proklamas tian opinion?
Li estas ege entuziasma, eĉ tro... ekscitita°. *opgewonden*

__Verso 3.__ **ke ni fiere povu poste montri:**

Do temas pri io, kio devas poste inspiri kion?
Certe admiron, ĉar sen tio, ni devus....honti.
Temas do efektive pri io ege grava.
Kia afero povus ludi tian gravan rolon?
Mi dirus, ke tio dependas de ĉiu persone !
Kiu sento aŭ deziro esprimiĝas en tiu verso?
La fiereco, la deziro esti admirataj.
Poste = ?
En momentoj, kiam oni rememoras sian vivon.

__Verso 4.__ **ne estis tamen vana vojo nia.**

Kion esprimas la vortoj 'vojo nia'?
La vivo de ĉiuj homoj.
Kia estus vana vojo?
Vojo, kiu kondukas al nenio, kiu iras nenien.
Do tute neutila, sekve° evitinda vojo. *bijgevolg*
Kia estus ies vivo, kiu estus estinta° vana? *zou geweest zijn*
Jen malfacila demando.
Ĉio dependas de la koncernato ! Kaj krome, kiu povus decidi pri tia taksado°? *inschatting*

**Verso 5. En ĉarma bel', en varmo idilia**
Kion sugestas tiu verso?
Ni estas kondukataj al paradiza situacio.
Kio estas idilio?
Trankvila kaj naiva amo.
Kie situas tia paradizo?
Verŝajne en iu revo de la poeto?
Kia ni imagu 'idilian varmon'?
Tia, ke ĝi sugestu nur...
agrablaĵojn korpajn aŭ spiritajn.

**Verso 6. la Grandon vane volus ni renkonti;**
Kion oni imagu sub tiu Grando kun majusklo°? *hoofdletter*
Ion, kio estas multe pli ol nia kutima° *gewone* vivo.
Kio estas 'vane voli ion'?
Voli ion sen rezulto, voli senutile°. *nutteloos*
Kiaj homoj volus fari tian renkonton?
Ĉu homoj kun ia idealo? kun tro da revoj? aŭ tro da ambicio? da orgojlo°? *hoogmoed*
Ĉiaokaze homoj, kiuj ne kontentiĝas pri eta banala vivaĉo°. *slecht leven*

**Verso 7. necesas alte super tio monti ---**
Super tio = ?
super la ĉarma belo, la varmo idilia.
Alivorte, ni devas forlasi nian nunan nivelon, esti pli aŭdacaj°. *vermetel*

**Verso 8. en venta fajf', en malkvieto kria.**
Kiel imagi 'en venta fajf' ?
en situacio sen protektado
kaj 'malkvieto kria'?
Tiom granda malkvieto, ke oni krius por helpo.
Kie supozeble° estas tiaj teruraj *vermoedelijk* lokoj?
Certe tiaj situacioj povas okazi dum° *tijdens* ies ajn° vivo. *om't even wiens*
(Notindas la simetria konstruo de la verso).

**Verso 9 Necesas ĵeti nin al fajr' infera,**
Kio kaj kie povus esti tiu infera fajro?
Supozeble ie ajn, kie la vivo estus ege malfacila? Kaj ne temas necese pri ia loko, sed krome ankaŭ pri infera situacio en la vivo.

**Versoj 10-11. por esti io pli, ol vermo tera, rampanta al la fin' kun laca treno.**
Kiel li iam povus esti tia?
Li antaŭvidas por si mem tian estontecon de vermo tera, se li ne sin ĵetas en tiun inferan fajron.
Kia pensado estas nun rivelata° ? *onthuld*
Ĉiu devas morti. Sed estas pli bone distingiĝi meze de° la aliaj ol resti banala *te midden van* vivanto sur ĉi tiu tero.

**Verso 12. Necesas plor' de malespero muta,**
Ĉu eble li volas esti tragika?
Certe! Neniu mezo°, do ankaŭ ne *middelmaat* "ordinara" malespero. Li volas esprimi klare per ploro, per gesto, sian malesperon, elreviĝon aŭ seniluziiĝon.
Eble realisto demandos, kial tiaj korpaj aŭ spiritaj aferoj vere necesus?
Se ni volas renkonti la Grandon kun majusklo, pri kiu temas en verso 6, tiam eble ili estus bona mempreparado.

**Verso 13. necesas hor' ekstaze fajrosputa,**
Jen tute alia spirita stato. Sed denove neniu "kutima" feliĉo.
Ĉu oni alterne flugu aŭ falu de unu stato al alia?
Kio ĉi-kaze anstataŭas° la malesperon *vervangen* de la antaŭa verso?
Io, kio devas eksplodi. Kia eksterordinara io estus tio?

**Verso 14. kaj paradiz' necesas kaj geheno !**
Geheno = infero (derivita de la hebrea nomo de la Valo de Hinnom, sude de Jerusalemo).

**Ĝenerala impreso pri la soneto**
Jen certe iom konsterna° soneto. *verbijsterend*
Ekde la unua strofo la leganto sentas sin admonata° vivi kun pasio, ĉar tiam li *aangespoord* poste povos prave° fieri. *terecht*
Banala vivo ne estas ege admirinda, sed la deziro pri grandeco povas maltrankviligi° *verontrusten* multajn !

-----

**PLIE PRI IUJ VORTOJ**

Necesas (la titolo)

***1.La verbo 'necesi'.***
Jen vorto kiu esprimas opinion. Tuj leviĝas aliaj demandoj: kio? por kio? kial? ktp.
Kio necesas por vivi ? Kroma demando ege grava: por vivi aŭ por bone vivi? Denove miloj da respondoj eblas.
Kio necesas por sukcesi en ekzameno?
Kial necesas sin ekzerci por lerni lingvon?
Jen pripensinda zamenhofaĵo tiuteme:
**La prudento° necesigas nin** *verstand*
**venki° la naturon.** *overwinnen*
Sed oni tamen... respektu ĝin !
Ĉu eblus starigi regulojn por difini la limojn de tiu venkado?

***2. La adjektivo/adverbo 'necesa/necese'.***
Z. **Por vendisto mensogo**° ... *leugen*
**estas necesa apogo**°. *steun*
Apogo por kio?
por la aferoj.
Mensogo konsiderenda° el *te beschouwen uit* kies° vidpunkto, tiu de kliento aŭ tiu de *wiens* vendisto?
Ĉu vere? Ĉu troige?
**Jen komparindaj frazoj:**
Ĉu estas necese, ke oni dormu kviete?
Kio estas necesa por dormi kviete?
Atentu: estas necese **-i**/estas necese, **ke -u**
Estas necese, fari...
Estas necese, ke oni zorgu pri...
Kompletigu laŭplaĉe !

***3. La substantivo 'neceso'.***
Z. **Neceso ne estas** **kareso**.
Jen bela rimo. Kion ĝi subkomprenigas?
Neceso ne estas dolĉa afero, ĝi ...
skuas° kaj batas°. *schudt en slaat*
ne Z. **Pro ekstrema neceso, ...**
**neo ofte iĝas jeso.**
*Uit extreme nood wordt een neen dikwijls een ja.*
Ne Z. **Rekonu necesojn,**
**ne faru ekscesojn**
*Erken noden, maar overdrijf niet.*
Ĉu imageblas kazo por diri tion?
Kiam oni sentas la **neceson** silenti? paroli?

***4. La substantivo 'necesaĵo'.***
Jen bona demando por vojaĝontoj: Kian liston oni nepre°preparu antaŭ (ol) foriri? *absoluut*
la liston de la kunport**endaj** necesaĵoj.
Ĉu ne kelkfoje oni konstatas, ke iuj el tiuj tielnomataj kunportendaj aferoj ne estas vere kunport**indaj**? Certe !
Kiuj estas la necesaĵoj por la vivo?

***4. La substantivo 'neceseco'.***
Z. **Neceseco kontraŭvola estas leĝo malmola.**
*Letterlijk: Ongewilde noodzakelijkheid is een harde wet. Al verzet men zich ook, wet is wet.*
Supozeble ĉiu aprobos° tiun deklaron? *goedkeuren*
Ĉu imageblas ia neceseco dezirata?
Certe tiuj du aspektoj povas koincidi° ! *samenvallen*
Kiel klarigi tiun ideon de 'malmola leĝo'?
Tia leĝo devigas fari malagrablaĵon.
Kiam neceseco ne estas kontraŭvola?
Eble kiam estas klare, ke ĝi helpos?
Ne Z. **Neceseco leĝojn... ne konas.**
*Nood kent wetten niet. (Nood breekt wet).*
Signifo?
En kazo de neceseco kelkfoje oni emas fari ion neleĝan°. *onwettig*

***5. La substantivo 'necesujo'.***
Kien oni metu tiujn necesaĵojn?
en sian necesujon°! *necessaire*
Nesesujo = ujo entenanta° la konstante *bevattend* bezonatajn iletojn° (PIV). *zaakjes*
Necesujo el kio?
el ŝtofo, plasto°, ligno°, ledo°, ktp°. *kaj tiel plu*
*stof, plastic, hout, leder, enz.*
Necesujo por kio?
tualeto, skribado, ludo.
Ĝenerale por kiu?
kudristino, kuracisto, studento...

**La vorteto 'tia'** (verso 1)
Kompletigu: Post **tiaj** laŭdoj/ mallaŭdoj mi estis en **tia** stato, **ke**...
Z. **Kia naskiĝis, tia ... grandiĝis.**
Z. **Kia oni vin vidas, tia...**
**oni vin taksas°.** *inschatten*
Sekvo?
Oni prizorgu sian aspekton. Oni ne aspektu tro malsane, mizere, distrite°. *verstrooid*
Jen proverbeto dirinda al kia homo?
Al iu, kiu neglektas sian aspekton, sian eksteraĵon.
Z. **Kia pago, tia ... ago.**
Kiam tio ne veras?
Ekzemple kaze de idealisto? entuziasmulo?

**Fiere** (verso 3)
Z. **Antaŭ vespero ne estu fiera. =?**
Ne hastu tro por ... paradi.
Z. **Fiera mieno, kapo malplena.**
Dirinda pri kia persono?
Pri iu, kiu ne estas ege inteligenta sed kiu tamen

aspektas ege fiera pri si mem.
Z. **Ofte kantas la buŝo, kiam ploras la koro.**
Alivorte ?
Ies ekstera konduto ne ĉiam informas…
pri ties psika stato.
Z. **Pro homo fiera ĝojas infero.**
Kiam laŭdire la infero ĝojas?
Verŝajne kiam ĝi ricevas multe da loĝantoj.
Kial ĝi ĝojus pro homo fiera?
Ĉu eble ĉar fiera homo certe iam kulpis kaj do meritos iri en inferon?
Z. **Riĉeco estas frato de fiereco.**
Frato en kiu senso?
Ke ekzistas ia ligo inter ili, ke ili bone kaj ofte iras kune. Ekzemple ?
Riĉuloj ofte ŝatas paradi pro sia riĉeco, ili nur malofte estas modestaj.
Notindas aliflanke ke, se ili tion ne faras, ne tiom paradas, oni emas diri, ke ili estas ... kaŝemaj°, kaŝemuloj°. *stiekem; stiekemerds*

<u>**Vana**</u> (verso 4)
Jen ekzemploj de vanaj agoj laŭ Z.
**El malplena telero… vane ĉerpas kulero.**
*Uit een leeg bord schept een lepel tevergeefs.*
Dirinda ekzemple en kia situacio? Alivorte?
Ĉe povrulo° ne ŝtelu. *arme*
**Al kavo senfunda… ŝtopado ne helpas.**
*Bij een bodemloze kuil helpt dichtmaken niet.*
Do: oni ne provu fari ion, kiam oni scias, ke … tio estos neutila aŭ vana.
**Ĉerpi akvon per … kribrilo.**
*Water scheppen met een zeef.*
**Bruo potenca,… nula esenco.**
*Machtig lawaai, nul essentie (inhoud).*
*Veel geblaat en weinig wol.*
Ĉu vi, kara leganto, iam havis okazon diri tion?
**Celi anseron°, trafi… aeron.**
*Mikken op een gans, de lucht raken.*
Jen bela poezia maniero por diri malsukcesi !
**Atendi sur tero, ĝis … sekiĝos la rivero.**
*Op de grond wachten tot de rivier zal uitdrogen.*
Kelkfoje necesas atendi ege longe. Jen kiel diri tion poezie.

<u>**Ĉarma bel'**</u> (verso 5)
Z. **Al loko dolora ni … manon etendas,**
**al loko ĉarma… okulojn ni sendas.**
*Naar een pijnlijke plaats, de hand strekken wij, naar een bekoorlijke plaats, de ogen richten wij.*
Pri kiaj lokoj povas temi ?
Kaj krome° pri kies° lokoj temas? *bovendien; van wie*

Z. **Ĉie estas varme, sed hejme plej ĉarme.**
*Overal is het warm, maar thuis is 't het meest bekoorlijk.*
*Zoals het klokje thuis tikt, tikt het nergens.*
Ĉu jen realo aŭ revo?
Z. **Ĉio transmara estas ĉarma kaj kara.**
*Alles van overzee is charmant en dierbaar.*
*Het gras is altijd groener aan de andere kant van de heuvel.*
Ĉu jen pensita admire aŭ ironie?
Kiaj homoj dirus tion?
Tiaj kiuj ne kontentiĝas pri tio, kion ili havas.

<u>**Fajro**</u>.(verso 9).
Z. **El flamo sin eltiris, en ...fajron eniris.**
*Uit de vlammen trok hij zich terug, in het vuur ging hij.*
*Van de regen in de drup.*
Direbla pri kia homo?
Pri iu, kiu eskapis el problemoj kaj falis… en pli grandajn.
Z. **Se neĝas sur la monto,**
**estas malvarme en la valo.**=?
Ĉu jen figura- aŭ proprasence?
Simplaj homoj spertas, kiam altranguloj … havas problemojn..

**TRADUKEKZERCOJ**

<u>**Antaŭa.**</u> 1) Kiam oni diras pri iu, ke li estas en la nuboj? Kiam li estas ravita. 2) Mevoj estas fortike konstruitaj naĝ(o)birdoj kun longaj flugiloj. 3) La griza mevo aŭ malgranda mevo retroviĝas ĉe kalma (trankvila) vetero sur la marbordo, sed ĉe alvenanta (alproksimiĝanta) malbona vetero ĝi reflugas enlanden kaj tial estas rigardata kiel antaŭsigno de malbona/aĉa vetero. 4) Ĉio jubilas. Ĉio eligas ĝojkriojn. Jubilante oni esprimas/ montras sian ĝojon. 5) Petoli tra la vivo estas vivi entuziasme kaj sen zorgoj (senzorge). 6) Longa malsan(ec)o aŭ peniga transloĝiĝo povas iun tute elĉerpi. 7) La juna knabo migras/ vagas/vagabondas tra la stratoj. 8) Konsulti la flugon de la birdoj. Ĉe la prauloj rimedo por antaŭdiri la estonton.

<u>**Nova.**</u> 1) Bij gebrek aan brood is de schaamte dood. *Uit nood doet men veel, dat men liever naliet.* 2) Vruchteloosheid, de vrees der vergeefsheid spaart niet één. (Van Eeden). 3) Een idylle is de dichterlijke schildering van het leven van eenvoudige, onbedorven mensen, die in nauwe betrekking met de natuur verkeren. 4) De weg naar de hel is met goede voornemens geplaveid. *Talloze goede voornemens worden nooit gerealiseerd.* 5) De worm der jaloezie knaagt aan zijn hart. 6) Luchtkastelen eisen hoge onderhoudskosten. (E. B. Lytton).

Em. Van Damme

monsumo. Ralph Schmeits laŭtlegas leteron de Ans Bakker ten Hage: *“Amsterdam, 2016-05-27. Estimata estraro, La mono, kiun Esperanto Nederland dediĉas por nia arkivo, estas sendita al “Vrienden van het IISG”. El tiu fondaĵo IISG elektas temojn, kiuj ricevas apartan atenton en sia Novaĵbulteno, en aliaj publikaĵoj aŭ per aparta ekspozicio. Mi interkonsentis kun IISG, ke ĝi ne sendu fakturon por la laboro farita por la dokumentado de nia arkivo. Laŭ nia kalkulo – pro sperto en la pasinteco – jara fakturo montrus tre diversajn sumojn. Averaĝe ili plej verŝajne superas la sumon de € 1000,00, kiun ni buĝetas. Se membro emas ankaŭ persone subteni la Instituton finance, la bankokonto estas: NL11 DEUT 0555 9588 92 (ANBI 0029 6177 75). Amike via, Ans Bakker-ten Hagen”.* La € 1000,00 por la arkivo (IISG) ne estas ŝanĝita. La propono buĝeta por KKPS, saldo € 1000,00, estas ŝanĝita en € 200,00. La membroj akceptas la buĝeto kaj Laborplano 2016.

**07. Elektoj.**
*7.1. Estraro*: Wald ten Hagen demisias kaj ne estas reelektebla. Rob Moerbeek dankas lin. Gerrit Berveling kaj Ralph Schmeits petas skriban voĉdonadon por la elekto de novaj estraranoj. Bert de Wit kaj Ralph Schmeits laŭtlegas la rezulton.
*7.2. Kaskontrol-komisiono.*
La membroj por 2015 estis Bert de Wit, Loes Demmendaal kaj Gerrit Berveling. Por 2016 la novaj membroj estas Arjen-Sjoerd de Vries, Piet Buijnsters kaj Franklin van Zoest.
*7.3. Arbitracia komisiono.* Anneke Schouten-Buijs estas reelektita aklame por daŭrigi tiun funkcion. Johan Swenker (2014-2017) kaj Marc van Oostendorp (2014-2017) restas en la komisiono.
*7.4 Elekto : Komitatano A de UEA*
**– Loes Demmendaal estas elektita aklame por nova trijara periodo.**

**08. Jubileantoj.**
Ni honoras la membrojn, kiuj festas sian 50-jaran membrecon: Rob Moerbeek. Romana Ruig-de Vries pasintjare (en 2015) jam estis membro dum 50 jaroj. Wald ten Hagen dankas Rob kaj donas al li jubilean gratuldokumenton.
Ni mencias la membrojn, kiuj antaŭ 25 jaroj aliĝis al la asocio: Kitty Balk,

** Beneluksa kongreso en Antverpeno 16,17,18,19 septembro 2016*

* *Propono de la estraro pri projekto de Katalin Kováts* (helpi kiel «Onkl(in)o» al retkursanoj ĉe «Ekparolu!» /Klarigado de Rob Moerbeek
* *La sekva studsemajnfino estos en Schoonloo de la 2-a ĝis la 4-a de Septembro 2016* kun instruantoj Katalin Kováts, Federico Gobbo, Bert de Wit, Roel Haveman kaj Arjen-Sjoerd de Vries.
* *Ekspozicio:* Esperanto ludas ĉefrolon en mallonga arta filmo, ekspoziciata ĝis la 12-a de junio 2016 en arta centro De Appel, Prins Hendrikkade 42, A'dam. Vidu la facebook-paĝon de Esperanto Nederland.
* Bert de Wit mencias la Drongo-festivalon, vendredon la 30-an de septembro kaj sabaton la 1-an de oktobro 2016 en la Jaarsbeurs en Utrecht. Li faros liston de deĵorantoj.
* Bert de Wit bezonas unu deĵoranton por Esperanto en budo dum sabato en Harlemo.
* Bert de Wit: je sabato la 18-a de junio 2016 IEI organizos viziton al Westbroek-parko por admiri la tie florantajn rozojn.

* Bert de Wit faris gastprelegon en Caen Hérouville en majo dum la Eŭropa Festo de la komunumo. Li volus inviti la esperantistojn el tiu urbo en Normandio, sed por tio bezonas aliajn nederlandajn esperantistojn, kiuj pretas gastigi la homojn.

**10. Verloren van Themaat-premio.**
Loes Demmendaal kaj Piet Buijnsters estas la novaj ĵurianoj. La ĵurio anoncas la rezulton. Bert de Wit ricevas la atestilon.

**11. Ronddemandado.**
*11.1 Hiddo Velsink alvokas* por novaj protokolistoj: Rudi Koot per ĉi tiu kunveno ĉesos protokoli kaj Arjen Sjoerd de Vries ĉesos la venontan jaron, do ni bezonas du protokolistojn.
*11.2 Marijke Lathouwers* demandas, de kiu venas la € 500,00 menciita en la artikolo “Klubo la Amikoj de Esperanto” en *Fenikso* 2016/2 paĝo 10. Gerrit Berveling respondas, ke li kredas de Hans Bakker. Gerrit nur publikigis la anoncon.
*11.3 Katalin Kováts* mencias la KER-ekzamenon en Hago la 4-an de junio 2016.
*11.4 Gerrit Berveling* demandas pri la rezulto de la ideumadaj tagoj la 14-an de februaro kaj la 10-an de oktobro 2015. Rob Moerbeek respondas, ke ekzistas kelkaj voluntuloj. Rob volas proponi komisionojn. Rob volas la nomojn kaj (ret)adresojn por Fenikso kaj la retpaĝo de Esperanto Nederland.
*11.5 Rob Moerbeek* substrekas la signifon de NGGE (Nederlanda Grupo de Geinstruistoj pri Esperanto). Aliĝu al NGGE kaj menciu viajn kursojn al la estraro de NGGE.
*11.6 Rob Moerbeek* alvokas la ĉeestantojn aliĝi al la nederlanda organizaĵo por blinduloj.
*11.7 Rob Moerbeek* alvokas la ĉeestantojn apogi la Stichting Zienderogen (fondita de la forpasinta Jacques Tuinder).
*11.8 Pieter Engwirda* mencias, ke 18jara knabo aliĝis kiel dumviva membro de UEA (Universala Esperanto-Asocio) dum la Malferma Tago.
*11.9 Pieter Engwirda* parolas pri la projekto ĝemelaj urboj.
*11.10 La estaro dankas* al Rudi por la laboro farita kiel protokolisto.
*11.11 Rob Moerbeek* dankas al Hiddo Velsink por la prezidado de la kunveno.

**12. Fermo**
Hiddo Velsink fermas la kunvenon je 13h37.

# EL MIA LETERKESTO

**1] Novaĵoj en la kanalo de UEA.**
Aleks Andre, somera UEA-volontulo en la CO, rearanĝis la kanalon laŭ pluraj spektindaj listoj, kaj komencis **novan serion da filmetoj pri Esperanto-gazetoj tra la tuta mondo**. Revizitu la kanalon. Ankaŭ novaj filmetoj alvenos. https://www.youtube.com/user/UEAviva
Emilio, Cid
Estrarano de UEA pri informado

2] **Mi bone ricevis la Fenikson** 21:5 kaj mi plezure legis la belan poemon de Saint jules ZEE.
La koloraj bildoj estas belaj kaj trafaj. Sincerajn salutojn al vi,
Frans Cobben

3] *Hallo Gerrit,*
*Ik heb de nieuwste* Fenikso *doorgelezen. Ik was wel verbaasd dat de beginregel van mijn artikel was veranderd. Koeien haal je niet uit de gracht! Het zijn* **gewoon plattelandskoeien en die haal je uit de sloot***!!!!*
*Heb jij dat veranderd? Ik wil wel graag op de hoogte gesteld worden als er iets gewijzigd wordt in iets wat ik schrijf.*
*Groeten,*
*Ineke Emmelkamp.*
Ndlr: funda korespondado pri la temo inter enpaĝigisto kaj redaktoro ne sukcesis trovi la kialon de la ŝanĝo – fine kondukis al la mirplena konstato: *Het zal dan wel een raadsel blijven!*
Ineke.

4] [...] **Tiam** fine de oktobro/komence de novembro la numero aperos.
Aŭ ĉu mi eraras pri la dato?
Tiam **estos ebleco aperigi la informojn pri Luminesk'**! Ja estus bone se aperas bonajn informojn pri tiu aranĝo tiel apude al Nederlando. **Ni devas instigi la membrojn vojaĝi al eksterlando por praktiki la lingvon**.
Salutas,
Ineke Emmelkamp

5] **UEA AĈETIS LOĜEJON POR VOLONTULOJ EN ROTERDAMO**
Sekve de Estrara decido el februaro 2016, UEA aĉetis loĝejon kun pluraj dormoĉambroj por volontuloj en Roterdamo. Ĝi situas en la sama strato kiel la Centra Oficejo, je proksimume 10 minutoj piedire.

6] ***INEKE EMMELKAMP kompilis bitan revueton por komencantoj*** – ĝi estas tre valora : ŝi skribis al mi : NUNTEMPE *nr. 1 staat niet op de website. Hij is wel op te vragen bij mij:* info@esperanto-info.nl
*Groeten,*
Ineke Emmelkamp

# INFORMO KAJ INVITO

Post pli ol 20 jaroj **Ed Borsboom** eksiĝis kiel prezidanto de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Hago. Li ankoraŭ restos estrarano, sed volas transdoni la prezidantajn taskojn kaj respondecon al pli juna persono. Dum nia venonta Zamenhoftago (la 10an de Decembro) ni speciale memoros liajn meritojn por nia Instituto en Riouwstraat 172, Den Haag.

**La programo estas**:

10:30-11:00a horo: akcepto kun kafo/teo/kuko

11:00-12:00a horo: ĉefparolado de **Istvan Ertl**, hungara Esperantisto

12:00-14:00a horo: komuna lunĉo en restoracio

14:00-17:00a horo: diversaj programeroj rilate la pli ol 20jaran prezidantecon de Ed.

**Bv. aliĝi antaŭ la 6a de Decembro per pago de € 22,-** (inkl. de la lunĉo) al bankkonto

(IBAN) NL 52 INGB 0000 162626 nome de Int.Esperanto-Inst., Den Haag.

Gejunuloj ĝis 30 jaroj: € 10,-- (inkl. lunĉo).

Bv. indiki ĉu vi volas vegetaran lunĉon.

**Por demandoj aŭ kromaj informoj: retpoŝto**: iesperanto@versatel.nl **aŭ telefono**:

01746-23086 (Jolanta van Holstein) aŭ 024-3656815 (Piet Buijnsters).

Vidu ankaŭ: www.iei.nl

Tre koran inviton!

**Piet Buijnsters**




# FILMOJ RETE

1] **Georgo Handzlik kantas** "Knaboj de tiu kongreso": https://youtu.be/NiCREr3UUH4, mga

2] **Georgo Handzlik kantas** sian "Frazlibro de morta lingvo", en la programero "Vivu la teatro" de la 75a HEK: https://youtu.be/dfQ_OevCJrk

3] **Miguel Fernández kantas** la boleron "La horloĝ"" (El reloj): https://youtu.be/eKSQ2SA-hBw

4] **Jen la sepa parto (duminuta) de "La koro-sutro"** de Lou Harrison. https://youtu.be/_kjNpc2jofU

5] **"Mi ne revenos plu" estas originala poemo de Eŭgeno Miĥalski** muzikigita de Lino Markov, kaj kantita de Jany Quiñones kaj Lino Markov. Kun aldonitaj subteksto. https://youtu.be/iqpMplLANpI

6] **Jen la plej nova kanto de Ĵomart kaj Nataŝa**, Bela, plaĉa… https://youtu.be/BRzsDO3F2JM

7] **Ĵomart kaj Nataŝa ludis, premiere en esperanto**, la kanton de Metallica "Nenio ajn gravas" (Nothing else matters): https://youtu.be/LoTI9JbhztM

8] **Kongresaj filmoj --- Jen ligo al filmeto pri ĉi-jara UK en Nitra, farita de SO Jinsu el Koreio, la sekvajara UK-lando**: https://www.youtube.com/watch?v=4miBJI69OuE&feature=youtu.be

# RAPORTAĴOJ

**1] Beneluksa kongreso en Lier.**

**Dum la semajnfino de la 16a ĝis la 19a de septembro** okazis la Beneluksa Kongreso en Lier/Belgio. El Nederlando kelkaj Esperantistoj partoprenis. Mi vojaĝis kun Andries kaj Sander al Lier. Ankaŭ Ronaldo, An, Rob kaj Rob partoprenis. La plej granda parto de la partoprenantoj venis el Flandrio.
**Lier estas agrabla urbeto kun pluraj vidindaĵoj. Dufoje estis**



**ebleco promeni tra ĝi** sub gvidado. La boatekskurso estis interesa. Plurfoje la plej aktivaj uloj biciklis sub la gvido de Eddy kaj Piet.
**Dimanĉposttagmeze okazis koncerto de Jo Haazen sur la kariljono de Lier**. Esperantistoj venis el la diversaj stratoj al la turo. Estis *Flashmob*. Tie ni kantis la Eŭropan himnon. Ni disdonis informilojn pri Esperanto al la aliaj homoj surstrate.
**La vesperaj programoj estis bonaj.** La prezento de Johny M. estis agrabla surprizo! Li estas juna reggae-kantisto, kiu prezentas la tekstojn en Esperanto! Dum la alia vespero estis prezento de Barokkoncerto, unu el la muzikistoj ĵus komencis lerni Esperanton.
**Dumtage estas pluraj prelegoj kaj laborgrupoj**. Estis lingvaj kaj manlaboraj grupoj, masaĝoj. Gerd gvidis la libroservon! Sinjoro A.H. certe elspezis iom da mono tie! Sed, por mi ankaŭ gravis, ke mi povis renkonti denove kelkajn malnovajn geamikojn! Mi proponas al la estraro de Esperanto Nederland okazigi similan aranĝon en Nederlando!
Ineke Emmelkamp

**3] Studsemajnfino en Schoonloo.**
**Dum la unua semajnfino en septembro okazis studsemajnfino, organizita de Esperanto Nederland.**
La teamo Arjen-Sjoerd, Lilian kaj mi faris la preparojn de tiu aranĝo. Okazis kvar diversnivelaj grupoj. **Simon kaj Wil instruis Esperanton al tiuj**, kiuj ankoraŭ ne havis iun konon de la lingvo. **Roel kaj Arjen-Sjoerd instruis al tiuj**, kiuj jam sekvis komencan kurson.
**La trian nivelon sekvis 5 personoj kaj Katalin instruis al ili.** Tiuj, kiuj jam bone regis la lingvon, iris **al la lecionoj de Federico.** Entute ni estis 28 personoj.
**Sabatvespere Katalin klarigis sian projekton pri 'onkloj kaj nevoj'.** Ĉu vi konas ĝin? Spertaj esperantistoj instruos al komencantoj la lingvon helpe de Skajpo!
**Dimanĉposttagmeze** ne eblis promeni pro grandega pluvo. Ni montris filmon pri la Esperanto-centro en Herzberg.
**En marto 2017 ni planas novan eblecon por lerni Esperanton!**
**Ineke Emmelkamp**

**3] Pri la informlaboro dum Drongo-festivalo**, la 30an de septembro kaj la 1-an de oktobro 2016

**La stando**, kiun Esperanto Nederland havis, estis kiel tiu de aliaj organizoj 9 kvadratmetrojn granda.
La situo estis bona, apud Talenplein, kie la vizitantoj de la borso povis eksidi, babili kaj manĝi laŭbezone.

**En la vendreda mateno** ne venis tiom da publiko kaj ni parolis kun malmultaj homoj. Sed oni povas ankaŭ iri al aliaj budoj kaj tabloj por ekparoli kun la homoj tie.

**Dum la sabata mateno venis gejunulojde NEJ kaj tio tuj stimulis** pli da interesiĝo ĉe preterpasantoj.Sed la NEJ-anoj plejparte ne restis la tutan tempon.

**La materialo estis sufiĉa dank' al Ineke**, kiu kunportis freŝajn informilojn.

Plejofte oni disdonis la broŝuretojn 'Esperanto zo op zak', la ŝlosilojn kaj la ILEI-broŝuron, kiu donas pli vastajn informojn.

**La fremdlingvaj informiloj, kiujn ni havis, ankaŭ bonvenaj estis**, ĉar venis sufiĉe da homoj fremdlingvaj.

**Ĉar la venonta kursosemajnfino okazos nur en marto** venontjare, ni ne tuj povis varbi por tio, kvankam Ineke faris belajn afiŝojn kaj flugfoliojn. Eble en venonta jaro oni atentu la daton de la kursosemajnfino rilate al varbokampanjoj.

**Mankis ekrano kun lumbildoj en nia stando**, sed ŝajne oni alkutimiĝis al tiuj ekranoj … Ni uzis la figuron de doktoro Esperanto ("senpaga konsulto") kiel en pasintaj festivaloj, sed ni devas pripensi kiamaniere ni povas alimaniere altiri la atenton de preterpasantoj.

**Filmmaterialo**: **eble fragmento el la granda diktatoro** (kie la butikoj surhavas Esperanto-ŝildojn) aŭ…..?

**La demonstrado de la apo fare de Piet Buijnsters** vendrede en la purpura salono malsukcesis. Ĉeestis nur kelkaj geesperantistoj, kiuj jam sciis pri tio, kion li rakontis.

**La prezento fare de Federico Gobbo en sabato estis bonega.** Li prezentis en Esperanto en aparta salono kun bildoj kaj sur tiuj bildoj tekstoj en la nederlanda kaj angla.

De homoj kiuj ĉeestis la prezenton, venis pozitivaj reagoj kaj pluraj homoj poste venis al la stando de Esperanto Nederland por peti pli da informoj. Tiu ĉi prezento estis sekvo de frua kontakto kun la organiza komitato kaj la prezentoj fakte anstataŭis la pasintjaran esplorvesperon, dum kiu esploristoj prezentis rezultatojn de siaj sciencaj esploroj.

**Lastmomente ni petis al Gijs Velsink fari filmon de la prelego de Federico. Feliĉe li havis tempon**




**kaj emon!** Joost Franssen **metos ĝin en Jutubkanalon de Esperanto Nederland. La publiko variis de studentoj pri lingvoj al interesiĝantaj civitanoj. Federico Gobbo kaj Bert de Wit partoprenis en "netwerkbijeenkomst"** (retuma kunveno) vendrede, kiu fakte estis parte prezento pri la nacia scienca "agendo" (kompilaĵo de esplortemoj, kiuj fontas el konsultadoj kun diversaj sociaj grupoj kaj sciencistoj) kaj parte sinprezento de bezonoj, kiujn difinitaj personoj esprimis kaj al kiuj aliaj personoj povis reagi, proponante siajn servojn. Laŭ mi ne tre bone pripensita afero, sed nu jes, la homoj aŭdis, ke Esperanto-Nederland ĉeestis, ĉar Bert starigis la unuan demandon al Beatrice de Graaf post ŝia prezento de la "nacia scienca agendo".

**Entute venis sufiĉe da geesperantistoj al la festivalo**, precipe en sabato. La informado fare de Esperanto-Nederland al siaj membroj havis bonan efikon.

**Bert de Wit**

**3] Studsemajnfino en Schoonloo.**

**Dum la unua semajnfino en septembro okazis studsemajnfino, organizita de Esperanto Nederland.** La teamo Arjen-Sjoerd, Lilian kaj mi faris la preparojn de tiu aranĝo.

Vendredvespere la plej granda parto de la partoprenintoj alvenis. Du venis frue sabatmatene. Dum la semajnfino okazis kvar diversnivelaj grupoj. **Simon kaj Wil instruis Esperanton al tiuj**, kiuj ankoraŭ ne havis iun konon de la lingvo. **Roel kaj Arjen-Sjoerd instruis al tiuj**, kiuj jam sekvis komencan kurson. **La trian nivelon sekvis 5 personoj kaj Katalin instruis al ili.** Tiuj, kiuj jam bone regis la lingvon, iris **al la lecionoj de Federico.**

Entute ni estis 28 personoj, tio estas inkluzive de la organiza teamo kaj la instruistoj.

**Sabatvespere Katalin klarigis sian projekton pri 'onkloj kaj nevoj'**. Ĉu vi konas ĝin? Spertaj esperantistoj instruos al komencantoj la lingvon helpe de Skajpo!

**Dimanĉposttagmeze** ne eblis promeni pro grandega pluvo. Ni montris filmon pri la Esperanto-centro en Herzberg.

**En marto 2017 ni planas novan eblecon por lerni Esperanton!**

**Ineke Emmelkamp**



# NEKROLOGOJ

**Hein Wernik (18 mrt 1926 – 3 okt 2016)**

Je la aĝo de 90 jaroj forpasis je la 3a de oktobro Hein Wernik. Dum multaj jaroj li estis simpatia kaj fidela prezidanto kaj membro de nia Esperantoklubo.

Li estis tre kapabla esperantisto, kiu instruis nin, tradukis kaj ankaŭ mem verkis poemojn kaj aliajn artikolojn, nome en nia klubbulteno, kiun li ankaŭ kunredaktis. Li varme akceptis kaj elmontris la ideojn de Zamenhof. Ni tre sentos lian foreston.

Esperantoklubo 'Zamenhof' Nijmegen
Piet Buijnsters

**Suzanne Marie Verhoeven (23 febr 1931 – 29 aŭg 2016)**

Ĵus forpasis kvar mondfamaj korifeoj de la Esperanto-kulturo: Paul Gubbins, kiu ĉefredaktis "Monato" kaj verkis teatraĵojn kaj la lernolibron "Kunvojaĝu!"; Detlev Blanke, kiu sub la komunisma diktaturo iom riske revigligis la Esperanto-movadon en GDR kaj restis aktiva interlingvisto, la nobelpremiita ekonomikisto Reinhard Selten kaj Reinhard Haupenthal, famega tradukisto, interlingvisto kaj volpapükisto. Kvazaŭ ne sufiĉus, ankaŭ nia lando perdis en mallonga sinsekvo du samideaninojn, kiuj laŭpove helpis la movadon: Luc van den Hoek kaj Suzanne Verhoeven.

Suzanne naskiĝis en Belgio, sed 19-jara venis al nia lando, kie ŝi trovis laboron kiel flegistino. Pedikuristo ŝi restis eĉ en alta aĝo. Ŝi ligis sian vivon kun Sigismundo Pragano, kiun ŝi ekkonis kiel docenton en la universitato de Amsterdamo. Kiam Pragano tro juna forpasis, ŝi devis nokte deĵori por povi vivteni sin kaj la filon: ludonante ĉambron al flegistino, ŝi povis garantii noktan sekurecon por la filo 9-jara tiam. Poste ŝi partoprenadis la lekciojn de la lasta privatdocento, sed ekde 1998, kiam profesoriĝis pri Esperanto Marc van Oostendorp, ŝi dum multaj jaroj gastigis la grupon. En la adiaŭa ceremonio ŝian gastigemon kaj amon al la infanoj kaj nepoj akcentis Guido Verhoeven kaj lia edzino Monique. Laŭdis ŝin ankaŭ la alia filo de Pragano, Erik Weijer: la duonfratoj kaj iliaj familioj de longe amikiĝis.

Kun Guido ŝi vizitis Universalajn kongresojn: Danio, Jugoslavio kaj Italio. En la lastaj jaroj ŝin suferigis memorperdo, malforta vidpovo kaj malfacila irado. Jam de antaŭ 4 jaroj ŝi sopiris ke venu la "Magra Henĉjo", ĉar inda vivo ne plu eblis. El siaj Esperanto-libroj kaj albumoj pri rumana arto ŝi ĉiufoje, kiam mi ŝin vizitis, transdonis porteblan amason.

Mi finu per unu rakonto ŝia, kiu min konsternis: Foje en la flegejo de menshandikapitoj ŝi eksentis, ke reire tra la tereno ŝi prenu alian vojeton. Poste evidentiĝis, ke unu el la pacientoj atendis ŝin kun granda tranĉilo. Kia intuicio! Kiel ajn, ni memoros ŝin kiel varmkoran gastigantinon kaj fervoran adepton de nia kara lingvo. Ankaŭ nome de Esperanto Nederland ni kondolencas la parencojn.

*Rob Moerbeek,*
*persone kaj por Esperanto Nederland*

**Cornelia Maria (Luc) Hoeijenbos-van den Hoek (11 apr 1936 – 28 aŭg 2016)**

Simile Luc van den Hoek, la edzino de Kees Hoeijenbos, komencis kiel flegistino, lernadis plu pri diversaj fakoj: stenografion, eĉ brajlon kaj jogon ĝis instrua kapablo. Ŝia plej grava kontribuo al la socio okazis komence de la 1970-aj jaroj: evoluigo de gravedulina jogo kaj sendolora nasko. Revene en Harlemon post periodo en Overflakkee, ŝi ekkonis Esperanton, kiu fariĝis ŝia ĉefa ŝatokupo. Ŝi lernis instrui laŭ la Cseh-metodo, partoprenis en multaj UK-oj ekde 1988 en Roterdamo, poste ankaŭ kun Kees: en Japanio, Kubo, Brazilo, kaj en la landa asocio kaj loka Harlema klubo ŝi entuziasme kunlaboris. Same en la Esperanto-lekcioj kaj kursosemajnfinoj Luc plezure kontribuis siajn ideojn. En la semajnfinoj de Nosobe ŝi foje donis jogoekzercojn. Sed ni povis aŭdi ŝian voĉon ankaŭ en la ĥorprezentoj de Malvo.

En la adiaŭa ceremonio, kiun ĉeestis ankaŭ Baukje Muizelaar, Malvo varme kantis interalie ŝian ŝatatan kanton de Ramona van Dalsem "Donu al mi vian manon, amiko...". La adiaŭajn vortojn de Kees voĉlegis la krematoria gastigantino. Frapis, ke la korpon kovras la tablotuko, sur kiu legeblis la nomoj de ĉiuj gastoj kiujn ili akceptis: manskribitaj kaj poste broditaj, eĉ brajle.

Anstataŭ florojn ni povis doni monon por la Alzheimer-fondaĵo. Tiu malsano, kiun ŝi mem rekonis, kiam voĉlegante por siaj genepoj ŝi perdis la komprenon de la legataj tekstoj, fine forrabis de ŝi eĉ la rekonon de siaj plej intimaj konatoj. Sed ni memoros ankaŭ ŝin kiel varmkoran, entuziasman samcelanon. Ni kondolencas Kees Hoeijenbos kaj la parencojn.

*Rob Moerbeek,*
*persone kaj por Esperanto Nederland.*




# ESPERANTO Studieweekend

**Voor wie?** *Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom.*

*Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.*

**Wanneer?** *Het volgende studieweekend vindt plaats van vrijdagavond 3 maart t/m zondagmiddag 5 maart 2017, in het Koetshuis van de Stevenshof te Stevensbeek (ten zuiden van Nijmegen).*

*De kosten voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp.(leden van Esperanto Nederland en NEJ betalen € 65,-).*

*In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee.*

**Meer informatie** *Website van Esperanto Nederland.* ***http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php***

**Vragen** *mail naar studosemajnfino@esperanto-nederland.nl*

**info@esperanto-info.nl**

FENIKSO
21a jarkolekto, n-ro 6
novembro-decembro 2016

*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchtweg 435
2284 TA Rijswijk

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas